# ESPERANTO

**Internacia Revuo, eldonata de la Universala Esperanto-Asocio**

**Fondinto : H. Hodler.†**
**Redaktoro : Robert Kreuz, L.K.**

**Redakcio : I, Tour de l'Ile,**
**GENÈVE, Svislando**

# INSULO MALTO

## La strato S. Lucia en Valetta

*Malto ne nur estas grava apogo-punkto de nia epoko. Ĝi memorigas nin alterne pri la civilizacioj fenika, greka, kartaga, roma, araba, normana. La Ordeno de Malto daŭre ligas la kristanismon kiun tiu ĉi belega insulo, kies enloĝantojn Sankta Paŭlo konvertis al tiu ĉi religio.*

**ENHAVO:**





**31-a Jaro N° 417**

**MAJO 1935**

# Universala Esperanto-Asocio



Centra Oficejo :
1, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svisl.

## Oficiala Informilo

27-a Administra jaro 1934/35 :
N-ro 7 — Majo 1935

*Livero de « Esperanto » al Portugalujo.* — De post 4-5 monatoj ni regule ricevis plendojn pri ne-ricevo de nia organo. La ekspedo okazis ĉiam bonorde. Ankaŭ senditaj duplikatoj ofte ne alvenis. Kune esplorinte kun nia ĉefdelegito la kaŭzojn kaj turninte nin al la ĉefdirektoro de la portugala poŝto, ni ricevis la certigon, ke neniaj mankoj povos okazi de nun.

Kvankam tiu ĉi konstato jam estas diskonigita de la Radiostacio de Lisbono, fare de nia ĉefdelegito, S-ro Saldanha Carreira, ni petas ĉiujn MA en Portugalujo noti ĉi tion kaj ankaŭ informi aliajn anojn, kiuj pro supozita nereguleco de nia organo ne plu reabonis ĝin.

*Konferenc-raporto Vieno.* — Ni sciigas, ke la menciita raporto estas finprilaborata. Sed ĝi povos aperi nur, se sufiĉe de ekzempleroj estas mendataj kaj antaŭpagataj. La prezo estas 5 internaciaj poŝt-resp.- kuponoj. Mendojn oni direktu tuj al la Internacia Esperanto Muzeo, Neue Burg Heldenplatz, *Wien* I.

*Estrara Kunveno Paskon 1935.* — Ni altiras la atenton al la resuma raporto pri la traktadoj de la Estrara Kunveno de UEA je Pasko sur pĝ. 71 (8). La detala protokolo estas sendata al la estraranoj kiel kutime. Komplementaj informoj laŭnecese estos donataj en proksima cirkulero al la komitatanoj.

Robert KREUZ, Direktoro.

30 Aprilo 1935.

### ADRESARO : NOVAJ LOKOJ KUN DELEGITOJ

**Belgujo**

*Antwerpen.* — D : Auguste Faes, L. Herenthalsstraat 100.
VD : Max Bolsius, 11 Korte Koepoortstraat.
*Deurne* (Antwerpen). — VD : Oscar Van Dyck, Lundenstraat 55.

**Britujo**

*Orpington.* — D : F-ino A. E. Baxter.
*Southport.* — D : F-ino M. Clayton, 14 Maple Str.

**Ĉeĥoslovakio**

*Kolin nad Labem.* — VD : Jan Janda, Komonského 194.
*Hunovice* ap Uherské Hradiště. — D : Jan Tochon.

**Danujo**

*Assens.* — D : Axel Gormsen, Möllevej 16 — VD : Scott Hansen, Jernbanegade 3, II

**Francujo**

*Vichy.* — D : D-ro P. Fruictier, 6, rue du Président-Wilson.
*Bougival.* — VD : André Lefrand, 99, rue du Maréchal-Joffre.
*Hirson.* — D : Mitelette, Kuracisto, rue de Vervin .
*Nancy* : VD : Robert Roy, 25, rue de Beauvais.
*Colmar.* — D : Emile Zimmermann, 10, rue des Abeilles.
*Bischweiler.* — D : Charles Wohlschlegel, 6, rue du Maréchal-Joffre.
*Haguenau.* — D : Louis Munck, Grande-Rue 37. VD : Lisbeth Bauer, 9, Bld. d'Alsace.
*Bourg-en-Péage.* — Georges Roux, 145, rue Jean-Jaurès.
*Château-Thierry.* — Raymond Trichet, fervojisto, 4, rue Emile Morlet.
*Figeac.* — D : Jean Pascal, 24, rue Gambetta.

**Hispanujo**

*Catarroja.* — VD : Alfredo Puchalt Camús, Str. Cervantes 13.

**Japanujo**

*Tokio.* — D (Ĉefdelegito) : Ĉikoa Fujisava, Hongoo Motomaci I.
D (Juro kaj politiko): D-ro J. Kauahaia. 243 Ikagami-Senzoku-ĉo Omori-ku.
D (Aeronaŭtiko) : Prof. Sandi Kawada, Simorokubantyc, 33, Kojimati-ku.
*Gohjakkoku.* — D : Masajoŝi Fukai, Tojama -ken.
*Otaru.* — D : Gin Fukuda, Gagai-co 2 coome 25.
*Obihiro.* — D : Kazuma Harado, ĉe Hokkaido Banko.
*Yokahama.* — D : Kijoŝi Iido, ĉe Aŝiozaki-Sogakko. Curumi-ku.
D (Mekaniko) : Kuraĉi -Haruo, Toyooka-machi 278, Tsurumi-ku.
*Morioka.* — D : Ikaua-Sizuka, 311 Uĉimaru.
*Kumamoto-si.* — D : A. Jamto. 351 Motoyamamati.
*Taihoku.* — VD : Jukiĉi Jasuda. Eizenka, Sootokufu-Kanboo.
*Nagoja.* — D (Medicino) : Humito Jazaki, Curumai-ĉoo.
D : Kinsyoo Siraki, 2-1 Teppchoo Nanaku.
*Osaka.* — D (Fotografio) : Kurosaki-Makoto, Nagara-higaŝidôri 3-2 Higaŝi jodogaŭa.
D (& Kemio) : Kuwahara T. Nisinotyô 2-88 Zyûsô Higasi-yodogawaku.
*Kisiŭada.* — Joŝio Nakaniŝi, 1447 Minamiuemaci.
*Chofu.* — D : K. Nohara, Yamaguchi-ken.
*Tateno.* — D : W. Oishi, Aerological observatory.
*Kita-ku.* — D : S. Ŝindo. 28 Hogaŝi-umeda.
*Ucunomija.* — D : K. Timinaga, 1123 Kuaremaĉi.
*Okayama.* — D : Hideo Yagi, Medicina Kolegio.

**Jugoslavio**

*Janjina.* — D : Nate Marinoviĉ.

**Madeiro**

*Funchal.* — D (Turismo) : H. T. Gomes de Freitas. R. 31 de Janeiro 141.

**Nederlando**

*Hengelo* (O.). — D : F-ino M. Klok, Krabbenbosweg. 170.
*Voorburg.* — D : A. Latuner, van Hallewynlaan 473.

### EKSIĜOJ KAJ FORSTREKOJ :

*Argentino:* Tucumán.
*Danujo:* Kerteminde.
*Francujo:* Strasbourg (Wehrung). Lyon (Courtinat.)
*Germanujo:* Bremen, Essen (Unruh).
*Hungarujo:* Szeged.
*Jugoslavio:* Maribor.

---

**Fianĉiĝo**

Fraŭlino S. M. Decaudin, Baudimont, Arras (Francujo) fianĉiniĝis kun S-ro S.-J. Stuit, Huizum (Nederlando). Niajn korajn gratulojn !

**Edziĝo**

S-ro Prof. Giovanni Saggiori, Padova, edziĝis kun Fraŭlino Esmeraldo dei conti de Götzen, Pavoda. (Niajn korajn bondezirojn !)

### Niaj mortintoj

S-ro Heinrich Gerke, Bremen, 25.3.1935 Delegito kaj malnova membro de UEA. — R. I. P.

# Pri la problemo de internaciigo de science-teknika terminaro

*En septembro 1934 la Stokholma konferenco de la Internacia Federacio de la Naciaj Normigaj Asocioj (ISA) diskutis la proponon de la sovetunia normiga komitato, starigi internacian terminologian kodon, bazitan sur la principoj de Esperanto ; la rezultajo estis, ke ISA komisiis la sovetunian komitaton, daŭrigi la esplorojn*

*Ĵus aperis Esperanto-eldono (81 paĝoj) de tiu raporto, kiun la sovetunia normiga komitato estis prezentinta al ISA. Ĝi estas verkita de E. Drezen, la prezidanto de la terminologia fako de la sovetunia normiga komitato. Ĉi-sube ni publikigas la postparolon verkitan speciale por la esperanta eldono. Kun konsento de la aŭtoro ni iom mallongigis ĝin.*

*Publikigante tiun ĉi postparolon ni deziras altiri la atenton de niaj legantoj al evolucio, kiu laŭ opinio de kompetentuloj povas fariĝi gravega por la sorto de la internacia lingvo. Necesos por la esperantistoj prepari sin, por ĝustatempe prezenti al la diverslandaj normigaj asocioj sian helpon kaj siajn dezirojn. Rilate la internacian kunagadon esperantistan, U.E.A., konforme al sia ĝisnuna aktiva interesiĝo, estas preta doni plue sian tutan helpon.*

La Redakcio.

Pleja sindoneco al nia afero tute ne estas tiu, kiu kreskas el iu fantazie elpensita dogmaro ; ĝi estas tiu sindonemo, kiu kreskas el plej profunda studo de la tuta faktaro, de la tuta historio, el ligo de « nia afero " kun la mondaj okazaĵoj, el dialektika analizo de la kaŭzoj kaj de eventualaj perspektivoj, el scipovo kompreni kaj apliki la grandan leĝon pri « unueco de kontraŭaĵoj kaj pri ilia dialektika disvolvo ».

Antaŭ dudekkvin jaroj mi estis arda « esperantismano ». Nun mi tia plu ne estas. Sed despli intime mi estas ligita al internacia lingvo, despli energie mi volas al ĝi servi sub formo de Esperanto, historie kondiĉita kiel venkonto en la granda konkuro de artefaritaj lingvoprojektoj. Antaŭ dudek jaroj mi kredis al Esperanto. Nun mi scias, ke la tuta ĉeno de historiaj momentoj garantias por ĝi venkon. Nun mi scias, ke nia esperanta laboro estas nepre necesa, nepre utila, historie antaŭdifinita de la tuta disvolvo de la homaro. Mi scias nun ankaŭ, ke plej bona metodo por konservi adeptojn de Esperanto konsistas ne en tio, ke oni ilin daŭre entuziasmigu per fantaziaĵoj, sed en tio, ke oni instruu al ili la pasinton kaj la nunon, por ke ili mem sur scienca, sur nerifuteble logika bazo tiru la necesajn konkludojn, komprenu, ke ne la homoj izolaj, ne la individuaj projektoj kaj faroj, sed la historia logiko antaŭ-difinas finvenkon de lingvo internacia sub certa ĝia formo. Ankaŭ fantaziuloj, revemuloj povas esti utilaj kaj eĉ nun estas utilaj por la movado internacilingva. Sed difinite antaŭenŝovas la movadon ne la kredantoj, sed la sciantoj. Tial necesas, ke ni forĝu novan sciencon pri la « lingvokonstrua tekniko », pri la historio de la mondlingvo, pri la teorio de tiu-ĉi lingvo. Kaj ju pli profunde ni posedas ĉi-tiun sciencon — despli fidelaj ni estos al Esperanto. « Sen revolucia teorio ne eblas revolucia praktiko », ofte ripetadis Lenin. Tia estas ankaŭ nia respondo al la miopaj homoj, kiuj volas fieri per sia miopeco, per siaj fantaziaj elpensoj, per sia nekapablo kompreni kaj apliki la dialektikon.

Potence kreskas en la tuta mondo provoj normigi la sciencteknikajn ideojn (konceptojn), unuojn, grandojn, terminojn, simbolojn. Unu el plej bonaj esperantologoj D-ro Inĝ E. Wüster publikigis en 1931 germanlingve fundamentan verkon « Internacia lingvo-normigo en Tekniko ». Ĝi vokis konsiderindan reeĥon inter la teknikistoj de la tuta mondo. En 1932 mi estis metita en la pozicion, kiam ankaŭ mi devis aktive partopreni en la normigo de teknika lingvo de popoloj de USSR. El studoj sur tiu kampo iom post iom maturiĝis la ideo pri internacia scienc-teknika terminologia normo. El daŭraj rilatoj kun laborantoj sur tiu kampo, nenion sciantaj pri esperanto, ofte rilatantaj al ĝi moke — maturiĝis la formo, sub kiu mi decidis starigi la proponon pri tiu-ĉi kodo. La ideo pri kodo trovas aprobon relative facile, — ni do donu al la fakuloj, laborantaj en tiu kampo eblon partopreni en fiksado de elementoj de tiu kodo. Sed ĉe tiu fiksado, same kiel ĉe akcepto de esperanta alfabeto de per la Internacia komitato por malproksima telefonio (v. § 68 de la libro) — nepre montriĝos, ke sola eblo konsistas en akcepto de konvenciaj artefaritaj normoj kaj el tiuj normoj plej fidindaj, plej elprovitaj estas ja elementoj de esperanto.

Zamenhof siatempe revis, ke la sorton de la internacia lingvo decidos internacia aŭtoritata institucio, starigita de la registaroj. Internacia Normig-Asocio (ISA) unuigas naciajn normigkomitatojn de ĉiuj konsiderindaj landoj kaj estas fondita per interkonsento de la registaroj. Do, sub formo de ISA ni havas ĝuste tiun centron, kiu povus aŭtoritate solvi la problemon pri faciligo de internaciaj lingvaj rilatoj, pri starigo de internacia terminologia kodo, eĉ pri akcepto de kompleta sistemo de internacia lingvo.

Por tiri ISA-n kaj la naciajn normigkomitatojn al tiu laboro, montriĝis plej akceptebla kaj komprenebla (por ili) la propono ne pri internacia lingvo, sed pri starigo de internacia kodo. Taŭgeco de tiu propono estis fiksita per prezento de tiu raporto al la Terminologia Komisiono de Akademio de Sciencoj de USSR. Por montri la solan praktikan eblon antaŭenpuŝi la internacian terminaran unuecigon, kiu nerefuteble konsistas nur en akcepto de iu lingvo aŭ kodo — mi donis en la enkondukaj ĉapitroj mallongan historion kaj analizon pri ĉiuj provoj faciligi internacian komunikadon (klasifikaj sistemoj, pazigrafioj, simbolsistemoj ktp.). La 6-a ĉapitro de la raporto donas resumon kaj logikan konkludon. Aldone al tiu ĉapitro mi volas deklari jenon — speciale por esperantistaj legantoj. La amasa praktika uzado de esperanto nepre kaj konstante vastigos tiun homan bazon, kiu siatempe antaŭdifinos ĝeneralan akcepton de esperanto en tiuj, eble modifitaj, formoj, kiujn donos al esperanto dum daŭranta kaj plivastiĝanta ĝia uzado la esperantistaro. Sed paralele kun tiu vastamasa uzado de la lingvo, nun povas veni nova stimulilo por akcepto de internacia lingvo kaj tiu stimulilo povas esti la internacia terminologia kodo, akceptota de la Internacia Asocio por Normigo. Necesas nur, ke de la komenco mem tiuj du vojoj havu komunajn elirpunktojn kaj antaŭfiksu komunan finan celon. Ju pli multe la esperantistoj partoprenos, ne nur en la amasa uzado de la

lingvo, sed ankaŭ en prilaboro de koncernaj teoriaj problemoj ju pli multaj fakuloj, teknikistoj (ankaŭ fakuloj pri lingvonormigo en tekniko) fariĝos esperantistoj, despli certe la ambaŭ vojoj finkondukos al la sama rezulto — al pliriĉigo de esperanto per mankantaj ankoraŭ science-teknikaj terminoj kaj al oficiala akcepto de esperanto kiel konvencia internacia lingva normo, perilo kaj komparilo por ĉiuj naciaj lingvoj.

El la nunaj scioj, el la nuna sperto — tia estas la prognozo kiun oni povas starigi por la estonto. Ĉu ĝi praviĝos aŭ ne — estas alia demando. Tio dependas de tro multaj cirkonstancoj ne antaŭvideblaj. Eble realiĝon de tiu prognozo malhelpos la minacanta nova milito, starigonta ree por kelka tempo ne transireblajn barojn inter la nacioj. Eble ĝian realiĝon malhelpos inerteco de koncernaj normig-komitatoj kaj ne-prepariteco de la esperantistoj por influi ĉi-komitatojn ?

Sed ĉiuokaze, se tiu provo malsukcesos nun — ĝi estos ripetata estonte. Kaj ĉar sole ĝi povas helpi al internacia terminologia normigo — do ĝi nepre devas iam sukcesi. Se tiu provo sukcesos nek nun, nek dum proksima estonto — ankaŭ tiam la esperantistoj estu certaj, ke ilia vojo estas la ĝusta. Daŭra kresko de esperantistaro kaj de esperanta uzo iam tamen kaŭzos, ke la problemo pri internacia lingvo estos pridiskutata de aŭtoritata internacia centro, ke iam esperanto estos akceptata kaj rekomendata. Kaj post tiu akcepto de esperanto venos bezono fikse normigi ĝian science-teknikan terminaron, kio jam estas farata rilate al la naciaj teknikaj lingvoj. Do, se la provo pri enkonduko de normigita internacia terminologia kodo ne helpos nun al pli rapida progreso de la esperanto-uzo, tiam estonte la kreskanta esperanto-uzo antaŭdifinos normigon de la internacia teknika terminaro sur bazo de esperanto. Ĉiuj du vojoj kondukos al Romo. Eksteraj faktoj povas prikrastigi difinitan akcepton de la internacia helpa lingvo, sed malhelpi tiun akcepton ili ne povas.

Jena estas mia deklaro por la esperantistaro.

Fine: dankon al iama kunlaboranto de D-ro inĝ. E. Wüster — kdo A. T. Samojlenko, kiu zorgis traduki ĉi-verkon el rusa manuskripto.

Moskvo, 31.7.34.

E. Drezen.

*P.S.* Intertempe okazis du jenaj konsiderindaj faktoj :

1. Tiu raporto estis aŭskultita kaj akceptita de la Komisiono por teknika terminologio de Sovetunia Akademio de sciencoj, kiu iniciatis teorian studon pri la eventuala strukturo de Internacia terminologia kodo.

2. Prezento de koncerna raporto al la konferenco de ISA, okazinta en Stockholm, kaŭzis, ke la 22.IX.34 la reprezentantoj de 19 naciaj normig-asocioj unuanime voĉdonis favore al ĝi kaj komisiis al Sovetunia Normig-komitato pluan laboron en tiu kampo.

Do ni agu !

4.XI.34.

E. D.



# El la historio de la regna adresaro de Francujo

Kiu, vojaĝante en Francujo, ne ekvidis en la plej eta urbo jenan surskribaĵon : « Ici ,on peut consulter le Bottin » (Bottin-Adresaro ĉi tie konsultebla) ? Efektive en multaj lokoj kvar, kvin dikaj volumoj imponaj, allogaj, publike tronas sur kafeja aŭ stacidoma breto inspirante al sia konsultantaro amason da pensoj kaj ideoj pri komerco, industrio, geografio, eĉ politika historio, kaj, atendante la ekveturan horon, la momente senokupa homo eble pasigus la tempon pli malutile ol foliumante iliajn paĝojn, el kiuj eliĝas kvazaŭa bildo de la franca vivo. Ĉu malfermo de la volumo titolita « Departementoj » ne malkaŝas scenejon sur kiu prezentiĝas la ĉiutaga spektaklo de provinca vivmaniero kaj aktiveco ? Ĝi aperigas la ĉefajn aktorojn de tiu teatraĵo, kaj tuj projekcias sur nian mensan ekranon mozaikon, kiu enkorpigas la diversajn fakojn de l'provincurba socio. Jen komerca aŭ industria aspekto, jen administra, intelekta, eĉ distra, kaj ĉi-rilate ni bone povas imagi angulon de la Kafejo de l'Urbo aŭ de la Kafejo de l'Komerco en kiu iliaj juĝista kaj notaria moŝtoj kune kun la farmaciisto kaj aliaj lokaj eminentuloj, preterlasante siajn kutimajn zorgojn, serĉas refreŝiĝon jen en kartludo, jen en intima aŭ gaje-vigla interparolado. Ĉu tiuj volumoj ne estas ankaŭ neelĉerpebla minejo por la eksterlanda esploranto de francaj familiaj nomoj ? Alphonse Daudet mem, se li ne estus sudfranco, estus trovinta en ili pli ol unu el tiuj sunbrilaj, krakantaj nomoj provencaj, kiuj riĉigis lian verkon pri la taraskona heroo, sed tia aspekto de l'koncerna adresaro apenaŭ estas pritraktinda en la kadro de nia artikolo.

La Bottin-Adresaro jam fariĝis speco de nacia institucio. Aliflanke, verŝajne malmultaj personoj scias pri ties fondinto. Ili konas la nomon, ne la homon, kaj pro tio ekrigardo sur la pasintecon eble interesos nian legantaron.

Sébastien Bottin naskiĝis la 17 Decembro 1764 en Grimonviller (Lotaringo), unu el multaj infanoj de modesta burĝa familio. Liaj gepatroj destinis lin por la Eklezio. Bottin verdire havis nenian inklinon por la pastra kariero, sed, ĉar li estis nur dektrijara, li devis cedi. En Toul, ĉe filio de la Universitato de Nancy, li ricevis klasikan instruadon ; poste, en 1784, unu el liaj onkloj kondukis lin al Bordeaux. « Ili iris per mallongaj etapoj, ofte haltante ; Bottin observadis kaj enskribis ; lia ledsaketo pleniĝis je objektoj lia paperujeto je notoj. Tiu statistika kaj geografia ekskurso ravis lin. Tia estis lia plezuro, kaj li ankoraŭ ne estis dudekjara ». Tiele sin esprimas S-ro Rodocanachi, Prezidanto de la Societo Didot-Bottin, en sia monografio pri Sébastien Bottin, el kie ni eltiras ĉi tiujn detalojn.

Post dujara restado en Bordeaux, Bottin revenis en sian provincon kaj finkleriĝis ĉe la Universitato de Nancy. En aŭgusto 1789 la junulo ricevis la pastrigan konsekron, sed la Revolucio eksplodis, kaj, ĉar liaj sentoj inklinigis lin al la nova ideаro kaj al politika agado, li pli kaj pli partoprenis la revolucian movadon. En 1793, kiam deputito alveninta el Parizo anoncis la forigon de l'Kulto en la Meurthe-Departemento, li ne plu konsideris sin kiel ekleziulon kaj foriris por defendi la landlimon.

En Strasburgo, dum la jaro 1794, Bottin fariĝis ĉefo de la Militkomisara Centra Oficejo. Lia kariero estis ra-

pida. Pro la okupo de diversspecaj publikaj oficoj, li havis la eblon akiri multajn sciojn kaj praktikan sperton pri la administra funkciado, kaj ĉefe tra-esplori la informojn kaj statistikojn, kiuj alfluis al la oficejoj. Li trovis sian veran vojon. En sia propra memorajo li rakontas, kiel pro tiu cirkonstanco venis en lian kapon la ideo « registri en speco de almanako, je ĉiu jarfino, la rezultaton de la geografiaj, historiaj kaj politikaj sciigoj, kiuj̃n ĉiutage alportas la korespondajoj ». Jen laŭesence naskiĝis la Bottin-Adresaro, kaj kun la helpo de amika presisto, kiu prenis sur sin la preskoston, la unua eldonajo aperis antaŭ la fino de la jaro VIIa (1798-1799). Tiu pratipo estis eta volumo, 16 on-folia, enhavanta ne pli ol 200 paĝojn ; en la jaro VIIIa (1790-1800) ĝi enhavis 452. La prezo variis laŭdimensie inter frk. 1,50 kaj 2,00. Nenian adreson ĝi entenis, nur statistikojn, ekzemple la laŭkategorian nombron de mortoj en la Strasburga komunumo, kaj tiun de la invalidoj de la departemento : balbutuloj, ĝibuloj, surduloj, miopuloj kaj idiotoj. Sub la titolo « Politika Almanako de l'Rejn-Departemento » ĝi estis la unua statistika verko tiuspeca en Francujo. La 23 Decembro, 1802, oni nomis Bottin-on Ĉefsekretario de la Nord-departemento pri kiu, de 1804 ĝis 1815 li publikigis ĉiujaran statistikon. En la jaro 1811 li ekeldonis la « *Ĵurnalo de l' Departemento Norda* ». La registaro en 1814 rekonis liajn servojn per Kruco de Kavaliro de la Honora Legio, kaj unu jaron poste li eniris la politikan vivon. Elektite la 17 Majo, 1815, kiel parlamenta reprezentanto, li ekloĝis en Parizo. Tamen, pro politikaj malsukcesoj kaj seniluziiĝoj, kiujn okazigis la tiamaj ŝanĝoj de reĝimo, kaj kulpigite de unu partio pri perfida interrilato kun la alia, li suferis mizeron, aliris Bruselon, kaj en 1818 reiris al Parizo. Tie li amikiĝis kun iu sviso, Jean de la Tynna, kiu jam de 1797 eldonadis komercan almanakon. Ĉi tiu oktavo, en 1818, enhavis 1.125 paĝojn kun 50.000 adresoj. Pro la morto de sia svisa amiko, Bottin interesiĝis pri la afero, kaj, vidante en tiu adresaro statistikon kaj vivrimedojn, li fariĝis ĝia eldonisto.

Post la revolucio, en 1830, Bottin pliampleksigis sian eldonadon. Tamen li ne riĉiĝis per siaj adresaroj, kaj malgraŭ liaj 25 jaroj da peniga laboro la almanako nur vegetis. Bottin jam maljuniĝanta estis pli sciencamanta ol komercema. Dum la jaro 1843 liaj infanoj ekposedis la Komercan Adresaron promesinte al sia patro 3.000 frankojn da ŝtata rento. Bedaŭrinde la firmo malprosperis. Séabstien Bottin petegis de la Registaro monhelpon, kaj tute poste, la 28 Marto, 1853, mortis 89-jara. Li estas enterigita en la Père-Lachaise-Tombejo. Oni rajtas konsideri lin, kiel veran perfektiganton de la franca statistiko. Francujo ŝuldas al lia iniciatemo la eldonadon de adresaroj, kiuj faciligis ĝian komercadon kaj atestis ĝian ekonomian riĉecon. Kvankam la heredintoj provis daŭre aperigi la almanakon, ili ruiniĝis pro la konkurenco, datiĝanta de 1840, de la Fratoj Didot, kiuj en 1856, akiris la kadukan entreprenon. La Bottin-a almanako ampleksis 2250 kvartformatajn paĝojn. Post la traktado, la ununura eldonajo aperis sub la titolo. « Jarlibro kaj Almanako de Komerca, de Industrio, de la Juĝ-Oficejoj kaj de la Administracioj aŭ Almanako de 500.000 adresoj de Parizo, de la Departementoj kaj de l'Fremdlandoj ». (Firmin-Didot & Bottin). En la jaro 1881 la « Didot-Bottin »-Adresaro kune fariĝis la posedajo de la anonima societo Didot-Bottin. Ĝi evoluis de 424 paĝoj en 1797 ĝis 16.000 en 1921 kaj nun ampleksas 20.000 paĝojn, — rimarkinda progreso de verko, kiu en- kaj eksterlande diskoniĝas la aktivecon kaj multecon de la komerco kaj industrio de Francujo.

*(Esp.-Originalo el la Monata Revuo de la Franca Komerca Ĉambro en Londono.)*

# Fulmotondra Nokto

Estas varmega vespero, somera vespero je malfrua horo. La aero estas peza, sufoka. Homoj, nevolonte enlitiĝas ĉar ili, suferantaj pro la varmo, estas devigitaj atendi tro longe la dormon.

La ĉielo estas tute sennuba, punktita je brilaj steloj. Lunradioj, falante sur la teron, kaj ĝin lumigante, ŝajne ĉion varmigas pli multe.

Sed, baldaŭ amaso da grizaj, nigraj nuboj kovras la tutan ĉielon. Densa mallumo kaj subita venteto montras baldaŭan fulmotondron. Homoj, kiuj atendante la dormon turniĝas kaj returniĝas en siaj litoj, esperas ke la aero refreŝiĝos.

Fraŭlino dudekjara, kies juneco permesas al ŝi liberan spiradon, kies vivĝojo malpermesas al ŝi suferi pro la varmo, dormadas profunde, trankvile en sia liteto. Ŝiaj brunblondaj haroj disiĝintaj sur kapkuseno, kvazaŭ glorokrono, donas al ŝia vizaĝo anĝelan mienon. Ŝia ĉarma rideto perfidas internan animan ĝuon, kiun donas al ŝi rava nekomparebla sonĝo.

Nun ekstere la vento ekblovas furioze ; lampoj brilegas senĉese kaj tondroj senintermite sekvas unu la alian. Ekkomencas fali kelkaj gutegoj, kiuj iom post iom fariĝas pli oftaj. La malmultaj personoj kiuj restis tro longe ekster siaj domoj, rehejmiĝas per rapidegaj, longaj paŝoj.

Blindigantaj fulmoj ; ventego blovanta ; bruego de tondroj.

La domoj estas skuegataj ĝis la fundamentoj.

En litĉambro de tiu ĉarmeta fraŭlino ĉio estas kvieta : Sed, tondrego pli forta vekas brunblondan junulinon, kiu momente restas senspira. Aŭdante tian furiozan fulmotondron subite ŝi ellasas kriegon de timo, saltas el la lito, kuras tra la ĉambroj nur kovrita per noktoĉemizo, kvazaŭ por forkuri ian minacon.

Dume la uragano daŭras furiozege. Ventego blovegas skuante pordojn kaj fenestrojn, fajfante en la kamentubojn ; tondroj bruegantaj ŝajne volas ĉion detrui.

La fraŭlineto staras nun meze de sia ĉambro, pala kiel kadavro, tremanta pro teruro. Rigardante ŝin en tiu ĉi momento nenion oni vidas el la eleganta silueto, kiun ni konas. Ŝia menso estas malplena je gajaj pensoj. Mebloj, kiuj estis al ŝi tiel familiaj, subite lumigataj de la fulmoj aspektas en ŝiaj okuloj kiel antaŭdiluviaj monstroj ; fenestrokurtenoj svingataj de penetranta vento, ŝajnas esti plenmisteraj fantomoj. Ŝi mem ŝajnas, esti maltrankvila fantomo, envolvita en mortintotukon, kiu teruriĝite submetiĝas al supernatura puno. La teruriĝita fraŭlino, iras tra la ĉambraro, balbutante preĝojn, ellasante kriojn, ŝirmante per manoj la okulojn je ĉiuj fulmoj, kaj orelojn je ĉiuj tondroj.

Pluvo falas torente ; la stratoj fariĝas riveroj ; hajleroj frapadas perforte tegmentojn kaj fenestrojn, farante demonan bruon.

Oni aŭdas ventegon kiu blekadas inter domoj, kvazaŭ malespera spirito, eliranta el infero

Tia kolero de naturelementoj aspektas kiel la fino de l'mondo.

Fine, kiam Dio volas, la vetero iom post iom reboniĝas. Fulmotondra furiozeco plimalgrandiĝas laŭgrade ĝis kiam ĉio kvietiĝas.

La fraŭlineto nun tremanta ne pro timo, sed de malvarmo denove enlitiĝas kaj baldaŭ profunde reekdormas tro laciĝinta pro tia fortostreĉo.

Revenas mateno. Rebrilas la suno el oriento Rideto reaperas sur lipetoj de brunblonda knabino.

Virino reakiras sian suverenecon.

Carlo Paderno, Palazzolo.

## Aprilo

*Jen suno, jen vento,*
*Sennubec' post nebul'*
*Ĝoj' post malbonsento,*
*Jen ama regul'.*
*Jen faire, jen froste.*
*Frostotrem', varmo poste*
*Jen rid', jen ploremo —*
*La diablo vin prenu !*

El „ Ama Kalendaro " de l' Breviro de Vaganto de Vaňovio, de V. O. Ludwig.

(Eldonejo Reinhold, Vieno)

## Majo

*Komence de juna la Maj'*
*Alflugas hirundo kun gaj',*
*Portante pajlerojn en beko*
*Por nesto-konstru', jam de veko.*
*Sur kampo ekfloras juvel'*
*— Cejano kun blua ĉapel' —.*
*Parfumas la roz' en ĝardeno*
*Konkure kun milda jasmeno*
*Kaj kantas birdeto najbara*
*Diskrete en ombro arbara.*

*Ho Majo, printempo-infano,*
*Vi portas la ĝojon en mano !*
*Decembro, April,' Januar'*
*Vin gloras, juvelo de l'jar' !*

Mad. Mevo.

## Hej, Ĝardenoj !

*Hej, ĝardenoj, ĝardenetoj*
*Iam floras, iam ne,*
*Hej, fraŭlinoj, fraŭlinetoj*
*Iam amas, iam ne.*

*Hej, do arboj, do arbaroj*
*Iam bruas, iam ne,*
*Hej, do fraŭloj, do fraŭletoj*
*Iam drinkas, iam ne.*

*Hej, do tagoj, do tagetoj*
*Iam helas, iam ne,*
*Hej, gepatroj, gepatretoj*
*Iam laŭdas, iam ne.*

Litova popola kanto. Trad. B. G.
(El « Litova Stelo »).

## Kanto

*Knabino dormas sub betul'*
*sur mola herboliť ;*
*vagante vidas ŝin junul',*
*alvenas kun heziť*
*Jen kantas birdo en la nesť ;*
*joho, joholdriho,*
*por koro estas amo-fesť,*
*joholdriholdriho !*

*La vangoj ruĝaj kaj la buŝ'*
*de l'ĉarma belulin !*
*la buklaj haroj al ektuŝ'*
*invitas loge lin ;*
*sed kantas birdo en la nesť :*
*joho, joholdriho,*
*por koro estas amo- fesť,*
*joholdriholdriho !*

*Malgranda iĝas lia kor'*
*sed granda l'emoci' ;*
*li fine kison ŝtelas for*
*de l'lipoj sen konsci' ;*
*dum kantas birdo en la nesť ;*
*joho, joholdriho,*
*por koro estas amo- fesť,*
*joholdriholdriho !*

*Denove vagas la junul'*
*ridante pro l'heziť,*
*dum dolĉe revas sub betul',*
*knabin', sur herboliť.*
*Kaj kantas birdo en la nesť :*
*joho, joholdriho*
*por koro estas amo- fesť,*
*joholdriholdriho !*

Julius Karnas.

## Ĥinaj proverboj

*La melonvendisto parolas pri dolĉeco de siaj melonoj, la vinvendisto pri bonodoro de sia vino.*

*Esplorebla estas la ĉielo kaj mezurebla la tero, nur homo koro nekonebla.*

*Bona amiko estas pli bona ol parenco plej proksima.*

*Grandan bonon faras ela helpo.*

Trad. Cajfonso, Peiping.

## Naĝantoj brikoj

*Al nia samtitola artikolo en la februara numero de « Esperanto » nia delegito, S-ro Erik Carlén en firmo Ŝtonhakejo de Yxhult, Akcia Societo, en Yxhult (Kumla), Svedujo sendis al ni komplementan informon. Ni plezure ĝin represas tie ĉi kun danko al la sendinto.*

« Mi povas komuniki al vi, ke tiaj mason-ŝtonoj (« brikoj ») ekzistas en Svedujo jam de 1920-1921. En la lando estas multe da oleo- kaj karbohava ardezo kune kun kalkŝtono. La ardezon oni depost multaj jraoj uzas kiel hejtaĵon por bruli kalkon. La cindro, kiu estas defalaĵo kaj kiun oni ricevas grandamase, nun estas uzata por produkti naĝantajn brikojn t.e. « gasbetono ».

En la komenco oni uzis kune kun la ardeza cindro kalkon kaj cementon. Sed tiu ĉi gasbetono dum longa tempo kuntiri ĝis kaj tio kaŭzis fendojn en la muroj. Ankaŭ la kalktegaĵo facile defalis. Depost 1929 nun estas fabrikata alia gasbetono, kiu ne enhavas cementon, sed nur cindron kaj kalkon. La fabrikado estas jena : Cindro kaj kalko estas kune muelataj. Poste oni aldonas aluminiuman pulvoron (bronzo) kaj fine akvon. La metalo el la kalko (Ca OH) kaj akvo eligas grandajn kvantojn da hidrogena gaso, tiel ke la tuta amaso pleniĝas per gasĉeloj. Ĝi « fermentas » kiel panpasto. Poste oni hardigas la ŝtonon sub alta vaporpremo kaj per tio ĝi fortikiĝas.

La vaporhardita gasbetono ne kuntiriĝas (= estas volumkonstanta), havas rilate grandan fortikecon kaj estas tre bona varm-izolilo.

La voluma pezo estas 800 kg po kubikmetro. Nun oni eĉ faras gasbetonon kun volumpezo da 500 ĝis 600 kg po kubimetro.

La fabrikado dum la lastaj du jaroj altiĝis trioble kaj la materialon oni nun uzas multe en la tuta lando. En Anglujo oni intencas konstrui fabrikon por vaporhardita gasbetono kaj uzi defalaĵon de la karbminejoj. »

### Universala kaj Internacia Eksposicio de Bruselo 1935

La Universala kaj Internacia Ekspozicio de Bruselo, 1935, eldonis 4 paĝan ilustritan prospekton en Esperanto.

La ekspozicio ampleksos pli ol 34 sekciojn, en kiuj estas reprezentataj 32 nacioj.

La franca registaro delegis kiel organizanton de la franca sekcio favoran adepton de nia lingvo, Sinjoron André Baudet, antaŭe prezidanto de la komerca ĉambro de Parizo. Estas varme rekomendite al la Esperantistoj subteni tiun ci reklamon pere de nia lingvo.

La prospekto estas havebla de C.O. de UEA (Aldonu respond-kuponon !) aŭ rekte de la ekspozicio laŭ jena adreso :

Exposition 1935, Direction Générale, Avenue des Arts, 51, Bruxelles.

## FAKTOJ POR LA PROPAGANDO

### Esperanto en la Elektrotekniko

Depost kelka tempo la internaciaj organizaĵoj de elektrotekniko kaj de normigo okupiĝas pri Esperanto. Jen kronologie la faktoj el tiu ĉi kampo :

1909-22. La konataj elektro-inĝenieroj Dejean (1909), Mailloux (1912), Jonaust (1913), I. Herrmann (1917), Leblanc (1920), Janet (1921) Klingenberg (1922), rekomendas Esperanton por uzo en la elektrotekniko kaj en la Internacia Elekta Komisiono (CEI).

1927. Arakawa-Bunroku en Kioto proponas la normigon de Esperanto-vortoj por elektraj konceptaĵoj kaj ilian uzon kiel gastvortojn en la japana lingvo, simile al la latinaj planto-nomoj. La Plenkunsido de la Internacia Unio de Radiofonio rekomendas al la membroj disaŭdigi en Esperanto unu fojon semajne kaj unufoje tage anonci la staciojn en tiu ĉi lingvo.

1931. La Internacia Konsila Komitato por telefonio longdistanca (CCI) akceptas, laŭ angla propono, la Esperanto-alfabeton por siaj logatomoj (kontrol-silaboj). La japanoj Ikari kaj Seki proponas en la « Journal of the Illum, Eng. Society, Tokio al la Internacia Komisiono de lumigo-tekniko (CIE) la uzon de Esperanto kiel konferenc-lingvon. La organo « Ohni » (Tokio) enkondukas Esperanto-rubrikon. La Unuiĝo de germanaj Ingenieroj (VDI) en Berlino kun financa subteno de la « Prusa Akademio de l'Konstruarto » ampleksan fonto-verkon pri « Internacia Lingvo-normigo en la elektrotekniko » (de D-ro Inĝ. Wüster), kiu rekomendas Esperanton.

1932. La Internacia Kongreso de Elektro en Parizo (Sekcio 2) traktadas pri Esperanto (Raporto, vol. 2).

1933. En komuna letero al la Internacia Elektroteknika Komisiono (CEI) 31 gvidantaj inĝenieroj el Aŭstrio, Francujo Germanujo, Hispanujo kaj Nederlando subtenas Esperanton.

La « Bulteno de la francaj Elektroteknikistoj » Parizo enkondukas Esperanto-resumojn.

1934. Junio : La vortara komisiono de la Internacia Komisiono de Elektro (CEI) decidas aldoni al la 1-a eldono de l'CIE-vortaro suplementon en Esperanto. Septembro : La konferenco de la sekretarioj de la Internacia Federacio de l'Normig-komitatoj (ISA) traktadas pri la ellaboro de teknikaj-sciencaj kodoj laŭ principoj de Esperanto. Novembro : La sovetlanda normiga komitato decidas (laŭ propono de la aŭstria komitato) estonte aldoni al la normfolioj pri mezuroj subtitolojn en Esperanto.

Nov.-dec. La sovetlanda normig-komitato aperigas subtitolojn en Esperanto sur la normfolioj pri mezuro de longo, unuoj de Radiometrio, Roentgen-radiado kaj rentgenometrio.

# Universala Esperanto-Asocio

## La Estrara Kunveno 19-22 aprilo (Pasko) 1935

Post la eksterordinara kunveno en Ĝenevo en septembro 1934, la nova estraro de UEA kuniĝis laŭstatute en sia printempa kunveno je Pasko en la Centra Oficejo en Ĝenevo. Ĉeestis la kunvenon: S-ro Intend. Generalo L. Bastien, Paris, prezidanto de UEA; S-ro Inĝ. J.R.G. Isbrücker, s'Gravenhage, vicprezidanto; S-ro Prof. D-ro Inĝ. R. Orengo kaj S-ro Registara Konsilisto Hugo Steiner; krome S-ro Robert Kreuz, direktoro de UEA; S-ro Bankiero D-ro A. Vogt, vicprezidanto, lastminute estis malhelpita ekvojaĝi; S-ro Prof. D-ro St. Kamaryt, Bratislava, kaj S-ro Instruisto E. Malmgren, Stockholm, estis senkulpigitaj pro la granda distanco.

La Estraro pritraktis en 6 kunsidoj tre ampleksan programon. Ĝi komenciĝis kun detala raporto de la Prezidanto de UEA, S-ro Generalo Bastien (Punkto 1). Li memorigis pri la malfacilega situacio de la asocio okaze de la transpreno de l'aferoj fare de la nova estraro. Li raportis pri la ampleksaj laboroj faritaj, donis superrigardon pri la nuntempa financa stato kaj finis kun la konstato, ke la momenta situacio jam pravigas optimismon pri la estonto. Fine li ankoraŭ atentigis pri la graveco de kelkaj problemoj de la movado, pritraktotaj en la kunsidoj kaj esprimis sian personan vidpunkton pri ili. S-ro Direktoro Kreuz donis komplementan raporton (Punkto 2) pri aro da teknikaj detaloj, funkciado de la C.O., aperigo de « Esperanto », eldono de l'Jarlibro ktp. Ankaŭ li esprimis optimismon pri la estonto de UEA, sed substrekis, ke la unuecigita kunlaboro de ĉiuj praktikaj esperantistoj estas necesa por konstanta progreso. Li esprimis sian bedaŭron, ke pro la grava nervakcidento, kiu lin trafis li ne povis fari kaj plenumi ĉion, kion li estas volinta fari. La posta priparolo (Punkto 4) koncernis la administradon de la Asocio (Garantia) Kapitalo. S-ro Generalo Bastien informis pri la stato laŭ indikoj de S-ro Ed. Stettler, hon. prezidanto de UEA kaj ĝisnuna administranto. Estis fiksitaj kelkaj principoj pri la restarigo, resp. kompletigo de la Garantia Kapitalo, la sole restinta aktivaĵo de la Asocio. La kunsido elektis kiel novan administranton (laŭ § 56 de la statuto) S-ron Gen. L. Bastien, garantianto de UEA kun dankesprimo al S-ro Stettler. Punkto 5 koncernis la kunlaboron kun la landaj organizoj kaj la esceptan allason de dua landa asocio en la sama teritorio, en specialaj cirkonstancoj laŭ § 12 de la statuto de UEA. La diskuto pri ĉiuj detaloj daŭris kelkajn horojn pro formala peto de la nove fondita Tutnederlanda Esperanto-Ligo pri rekono kiel dua landa asocio apud « LEEN ». S-ro Inĝ. Isbrücker pledis por la nova organizo. Dekomence superregis en la kunsido la principo pri konsekvenca unueco en la internacia organizo pro analogaj situacioj en div. landoj. Laŭ tio estis akceptita (kontraŭ 1 voĉo) rezolucio, kiu rekonfirmas la principon, ke orda kaj konstrua laboro povos disvolviĝi nur kun plene respondecaj naciaj centroj, regule funkciantaj je tutlanda amplekso, ke estas devo ne ratifi la dividiĝemon de esperantistaj organizaĵoj, ĉu pro moralaj, ĉu pro ekonomie-teknikaj principoj. Laŭ tio estas konsilite, ke ĉiuj samideanoj aliĝu al la funkcianta landa asocio kaj solvu eventualajn malkonsentojn interne de ĝi. Sekve de tio la propono de la Tutnederlanda Esperanto-Ligo estas malakceptita. La decido ankoraŭ estas skribe konfirmota de ĉiuj estraranoj kaj estos konigata al la komitato de UEA por konsidero. La direktoro estas komisiita formuli respondojn pri similaj proponoj sur la bazo de tiu ĉi decido.

Estas plie akceptita decido, ke la estraro de UEA studu kune kun la landa asocio « LEEN » la eblecon kunigi ĉiujn Esp. fortojn, atingeblajn en Nederlando, laŭ la spirito de la Interkonsento de Kolonjo.

Rilate la rolon de la Germana Ligo en Ĉeĥoslovakio neniam formale kaj protokole rekonita kiel landa asocio, decido estas remetita en la atendo, ke en la lando mem oni solvos la malfacilaĵojn en senco de unuecigo tutlanda.

Koncerne la rolon de la faksocietoj (Punkto 6) en la nuna organizo ne ekzistis unuforma opinio. Estis rekomendite al la C.O. daŭrigi la rilatojn kun tiuj societoj, kiuj kontaktis kun UEA ĝis nun aŭ aliĝis kiel partoprenanto al la Movado. Principa decido estas remetita. Informa raporto pri la plibonigo de « Esperanto » (Punkto 7) en la kadro de la nunaj rimedoj estis farita de la nuna redaktoro, S-ro Kreuz. La ĉeestantoj konsentis, ke la revuo jam montras, ke multe pli da zorgo ol antaŭe estas donata al ĝi. Ili antaŭ ĉio insistis pri regula apero de la revuo kies rolo kiel oficiala organo de la asocio estas gravega. Post informo pri la eksperimento de sistema anonca organizo por la revuo, estas decidite ne plu fiksi la asocion, ĉar nek la periodo, nek la teknika kaj financa situacio ebligas akcepti sufiĉe konsiderindajn sindevigojn. Estas rekomendite al la C.O., zorgi, laŭ plej bona povo, pri havigo de pagataj anoncoj. Punkto 8 de la tagordo rilatis al la Jarlibro de 1935. Estas konfirmita la decido de la eksterordinara estrara kunsido, eldoni en 1935 nuran komplementon al la Jarlibro de 1934. Novaliĝantoj ricevas la eldonon de 1934 kaj la komplementon. La estraro nur kun bedaŭro faris tiun ĉi decidon, kiu estas la sole ebla laŭ la situacio de la asocio.

La estrar-kunsido aŭdis detalan raporton de D-ro Orengo pri la preparoj por la Roma kongreso, kiu promesas fariĝi brila manifestacio. Ĝi priparolis, resp. fiksis la programon kaj aliajn detalojn. S-ro Regist. Konsilisto Steiner submetis sian laborprogramon por la venontjara 28a Universala Kongreso de Esperanto en Vieno (Punkto 10) kun riĉa turisma aranĝo sub la aŭspicioj de UEA kiu trovis ĝeneralan aprobon. Aro da konsiloj kaj sugestoj estis donitaj.

Por la 29a Universala Kongreso de Esperanto en 1937, samtempe kun la 50-jara jubileo de Esperanto, invito de la urba prezidanto de Varsovio, kie longtempe loĝis kaj kie mortis D-ro Zamenhof, estis principe akceptita (kontraŭ 1 voĉo).

Proponoj kaj sugestoj de la neĉeestintaj estraranoj (D-ro Vogt, Prof. D-ro Kamaryt kaj S-ro Instruisto Malmgren) estis laŭtlegitaj kaj konsideritaj.

Sub « Diversaĵoj » (Punkto 12) estis pritraktitaj pluraj gravaj detaloj, precipe la disvolvigo kaj plilarĝigo de la Turisma servo de UEA por havigo de flankaj enspezoj por la asocio. Detala plano de D-ro Orengo trovis la principan subtenon de ĉiuj ĉeestintoj. Estas antaŭvidite evoluigi la planon iom post iom, precipe laŭ la spertoj de la unua eksperimento, sur pli vasta bazo, okaze de la kongreso de Romo. Necesas trovi fundamentan kapitalon kaj gvidanton, kiu povos preni sur sin la organizon. Ĉio estas farota en rilato kun la landaj Esp. centroj, el kiuj la brita, franca, itala kaj sveda jam funkcias tiudirekten.

Sub la sama punkto oni fiksis la konstatojn pri la nuna funkciado de la Centra Oficejo. D-ro Orengo, ĉeestinta al ambaŭ kunsidoj de la estraro konstatis, ke la laboro plenumita de la direktoro, S-ro Kreuz, en la ĵusaj monatoj, estas eksterordinare laŭdinda, konsiderante, ke li, havante novan kaj nombre ne sufiĉan personaron, devis plenumi krom la ĉiutaga laboro, la tutan ordigon de la oficejo mem kaj la laboron, kiun faris antaŭe tri spertaj personoj.

S-ro Generalo Bastien, kiel prezidanto de UEA, vidinte plurfoje la laboron plenumitan de post sep monatoj, esprimis la konvinkon, ke la direkcio de UEA estas en taŭgaj kaj spertaj manoj kaj opiniis, ke la esperantistoj devas kun iom da pacienco atendi ĝis la reorganizo estos produktinta ĉiujn efektojn. Kun dankesprimo al S-ro Kreuz, rezolucio estis akceptita unuanime, laŭ kiu la unuaj taskoj de la nuna direkcio, la reorganizo de la internaj laboroj i.a. la librotenado, malgraŭ la grava nerv-akcidento de la direktoro, estas bonorde faritaj. La enkondukitaj simpligoj kaj aranĝoj igas atendi de nun klaran situacion kaj regulan marŝon de la aferoj.

La Paska kunveno do plenumis grandan laboron. La diskutoj okazis en objektiva kaj amika maniero. Ankaŭ la bonhumoro ne mankis, precipe dum la komunaj tagmanĝoj kaj la mallongaj vesper promenadoj.

Ĉar ĉiujn ĉeestintojn animis la absoluta deziro igi nian asocion unika kaj modela organizo, pro tio, ke nur tia garantias la konstantan progreson kaj finan venkon de Esperanto.




# 27-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

11-a SOMERA UNIVERSITATO
KONGRESA KROZADO

3-10-17 DE AŬGUSTO 1935

## Novaj Informoj

La Kongresa Krozado okazos per alia pli granda ŝipo, la « Sinaia » de la haveno Marseille. La programo de la vojaĝo per tiu ŝipo al Afriko restas proksimume senŝanĝa : nur detaloj estas modifitaj (Komp. April-numeron de « Esperanto »).

La ŝipo estos je tuta dispono de la Kongresanoj, do *plene sub Esperanta flago.*

Ne nur simpla, ordinara postkongresa ekskurso, sed parto de la Kongreso mem, kaj ĉefa sidejo de la Somera Universitato, estos la Kongresa Krozado. Jam pli ol 350 Kongresanoj anoncis sin por partopreno en ĉi tiu eksterordinara vojaĝo.

Oni rapidu por mendi lokon, ĉar la plej bonaj lokoj rapide elĉerpiĝas. Jam ne plu haveblaj estas lokoj en dulitaj aŭ unulitaj kajustoj : la lokoj en la malkaraj kajutoj en kategorioj de A ĝis EE (prezoj de 472 ĝis 612 liroj por Kongresano) ankaŭ ne plu estas haveblaj.

Restas multaj lokoj en trilitaj kajutoj de luksa klaso (KK), kaj de unua klaso (HH) ; plie en kvarlitaj aŭ seslitaj kajutoj (internaj F aŭ eksteraj FF). Plie, estas mendeblaj malkaraj lokoj en Salonoj S (komunaj dormejoj).

La manĝoj restas egalaj por ĉiuj. Ili konsistos el KVAR manĝoj tage : matenmanĝo, tagmanĝo, temanĝo, vespermanĝo. La menuoj jam anoncitaj per la speciala numero trikolora de « Heroldo » estas iom pliriĉigitaj.

Gesamideanoj ! Ne preterlasu unikan okazon por viziti Afrikon ! Propagandu por ke la Krozado estu plena brila sukceso, por ke nia ŝipo rapidege pleniĝu !

Bonvolu relegi la detalajn informojn en la Aprila numero de « Esperanto »

La partopreno de multaj eksterlandanoj al nia 27a estas atendata ankaŭ por solvi en Italujo la demandon pri Esperanto, kiun ĝis nun neniam la publiko tre atentis, ĉar ĝi ne vidis imponajn manifestaciojn.

Francoj, Svedoj, Hungaroj kaj aliaj, klopodas por havigi al ni impresigajn grupojn, kaj sukcesas : kontraŭe, en aliaj landoj (Hispanujo, Polujo, Belgujo, Danlando, k.a.) la intereso pri la 27.a ne montriĝas konkrete. La LKK atendas ankaŭ aliĝojn el tiuj landoj.

Estas rekomendinde atenti la publikigitajn programojn pri la Unuaj Koncentriĝoj en Bordighera, aŭ Torino, aŭ Milano, aŭ Verona, aŭ Venezia, kaj pri la Kongresaj Ekskursoj.

— Oni anoncu sin kiel eble plej frue por tio ! Se nur dum la lastaj tagoj oni anoncos sin al la organiza oficejo, ĝi ne povos garantii la perfektan plenumon de ĉiu servo. — Fruaj aliĝintoj rajtas ricevi preferon en ĉio.

*Grave.* — Oni tre varme petas Kongresanojn kiu mendas Turismajn servojn atenti severe, precize, rigore, la jenan regulon :

— aŭ oni rilatu rekte kun la organiza oficejo « Esperanto-Centro Itala » Galleria Vittorio Emanuele 92, en Milano pri anoncoj, pagoj, deziroj, ktp.

— aŭ oni rilatu pri ĉio kun la nacia karavanestro (se ĝi ekzistas) kiu siaflanke transdonos la necesajn informojn al « Esperanto-Centro Itala » ;

— sed ONI NEPRE EVITU rilati samtempe kun ambaŭ, aŭ parte kun unu parte kun alia ; ni ofte laboregas ĝis post noktomezo kaj baraktas meze de implikaĵoj, kiuj nur devenas

**La Roma Universitato, Sidejo de la Dudeksepa**



de konfuzo, kaŭzita de duobla mendo farita samtempe al du adresoj, aŭ simile.

Mendante lokon por la Kongresa Krozado, oni nepre ne forgesu klare indiki la elektitan lokon laŭ la plej nova preztabelo.

La Krozadon rajtas partopreni ankaŭ nekongresanoj kaj neesperantistoj: sed nur Kongresanoj rajtos je la rabatkotizoj.

La kotizojn de la Unuaj Koncentriĝoj kaj tiujn de ĉiuj Libervolaj Ekskursoj anoncitaj kaj anoncotaj oni devos pagi nur al la sama adreso « Esperanto-Centro Itala » Galleria Vittorio Emanuele 92, Milano. Aliĝintoj al Karavano prefere pagu al sia karavanestro.

En la 27a okazos ankaŭ la XIVa Internacia Kongreso de la Blindaj Esperantistoj.

Estas en plena preparlaboro ankaŭ la Katolika Kongreso de Esperantistoj, sub zorgo de la Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista en kunligo kun la LKK de la 27a.

La antikva palaco de la Roma Universitato estos la majesta sidejo de nia 27a. Ĝi estas en la mezo de la malnova urbo, apud la Senata Palaco kaj la Piazza Navona: la historia atmosfero de ĉi tiu templo de kulturo ĝia morala kaj spirita valoro, ĉio kunhelpos por doni al la Esperanto-Kongreso samtempe la signifon de universaleco, ĉiam kunligita kun la nomo de Roma, kaj la signifon de spirita, intelekta interligo, klereco kaj progreso, kiu apartenas al glora, malnova Universitato.

Pro kunlaboro de la fama Touring-Club Italiano kaj de la LKK, aperos okaze de la Kongreso la dua volumo de la mirinda, bonega kolekto « La Verda Gvidlibro » (teksto kiel tiu de « Guides Bleues », sed iom pli ampleksa). Tiu volumo estos « Roma »: je ĉ. 250 paĝ., kun 16 belegaj karto kaj planoj entute ja 50 paĝoj da kartografio ! La ekzaktegan, malfacilan tradukon prizorgas plej zorge kleraj italaj samideanoj. Jen verko, kies valoron oni neniam sufiĉe alte taksos, kies signifo estas ja granda, ankaŭ je kultura kaj lingva vidpunktoj, ne nur je praktika.

L.K.K.

### Pago-Faciligo por Germanoj kaj Aŭstrianoj.

Laŭ interkonsento inter la LKK kaj la Compagnia Italiana Turismo (CIT), ni informas, ke de nun la oficejo de CIT en Berlino (Unter den Linden 20) kaj en München (Odeonsplatz 1) akceptos monon por transdono al ni.

La maksimuma sumo, kiun oni povas sendi estas 500 markoj, enkalkulinte tion, kion oni bezonos ĉe si por la malgrandaj elspezoj dum la vojaĝo.

Jen la procedo :

1. Oni devas sin prezenti kun la *pasporto* kaj la *mono* al unu el tiuj du oficeoj de CIT. Oni povas ankaŭ *sendi* la pasporton kaj monon.

2. En la petskribo, kiun oni devas pretigi por CIT, oni devas *klare indiki* la kialon de la monsendo.

Jen ekzemplo :

Subskribinto .. .................... loĝanta en ...................
pagas al CIT la sumon de RM........ — El tiu sumo la subskribinto petas, ke CIT sendu al « Esperanto-Centro Itala » en Milano (organizanto de la 27-a Universala Kongreso de Esperanto en Roma) la sekvantajn sumojn por :

— kongreskotizo .......................... Rmk. ...............
— turisma vojaĝo « Tra Italio » ......... Rmk. ...............
— kongresa krozado « Al Afriko » ....... Rmk. ...............
— libervolaj ekskursoj N.oj ............ Rmk. ...............
— unua koncentriĝo N-o  en ........... Rmk. ...............

Entute .................. Rmk. ...............

La restantan sumon CIT bonvolu meti je mia dispono ĉe la Oficejo CIT en Italujo *(Milano* aŭ *Roma: indiku klare !)*.

La oficejoj CIT en Berlino aŭ München donos kreditleteron al la paginto : per ĉi tiu *kreditletero,* kiun oni *devos teni ĉe si kaj kunporti dum la vojaĝo,* oni ricevos en Milano aŭ Roma la senditan sumon, minus la parto, kiun intertempe la oficejo CIT jam pagis al « Esperanto-Centro Itala », kiu aranĝas la servojn por la Kongresanoj.

Kopion de tiu ĉi kreditletero la oficejo CIT sendos al ni rekte, kaj laŭ ĝi la kotizo estos pagata al « Esperanto-Centro Itala » laŭ la komisio de la sendinto.

Aŭstrianoj bonvolu sin turni al CIT-oficejo en Wien, 4, Kärntnerring.

Oni ne forgesu sendi, kun la pago, sian pasporton, ĉar la transdonita sumo devas esti tie enregistrita. Post la farita pago, oni tuj detale informu al « Esperanto-Centro Itala ».

Oni ne forgesu doni al CIT precizajn instrukciojn, kompilitaj laŭ la ĉi supra formulo. En manko de tio CIT ne sentos sin rajtigata transpagi la monon al « Esperanto-Centro Itala » kaj tenos ĝin ĉe si je dispono de la sendinto; sed « Esperanto-Centro Itala » povos organizi nur por tiuj, kies konkreta pago alvenis almenaŭ antaŭ la fino de junio (nepre antaŭ la 20 junio por la Krozado).

Oni atentu zorge la suprajn klarigojn. Kaj oni vigle propagandu grandskale la 27an kaj ĝiajn turismajn aranĝojn, ĉar nun la pago-malfacilaĵoj estas feliĉe superitaj ! Ni substrekas, ke la nuna procedo por sendo de mono estas tute laŭleĝa ! Se eventuale CIT postulos etan procentaĵon por la servo, estas memkompreneble ke, tiuj bagatelaj sumoj devas esti je ŝarĝo de la kongresano, kaj ne de « Esperanto-Centro Itala ». Ni do petas afable, ke la sumoj al ni senditaj estu netaj. Dankon !

Bonvenon al multenombraj germanaj kaj aŭstriaj amikoj !

LKK.

# La estontaj Milionuloj de la 27-a !

### Listo de la unuaj Krozadanoj (Daŭrigo)

| | | | |
|---|---|---|---|
| 53. | 247 | S-ro Haartman-Harteva, Helsinki | D / 15032 |
| 54. | 68 | S-ino Nummelin, Tallinn | E / 21657 |
| 55. | 86 | S-ro Barcelo, Palma de Mallorca | E / 21601 |
| 56. | 697 | S-ro Kreuz, Genève | D / 15032 |
| 57. | 252 | S-ro Bloch, Praha | D / 15034 |
| 58. | 118 | S-ino Varev, Tallinn | E / 21607 |
| 59. | 257 | S-ro Belhoste, Fontenay-s.-Bois | I / 28803 |
| 60. | 258 | S-ino Belhoste, Fontenay-s.-Bois | I / 28807 |
| 61. | 262 | F-ino Hollier, Sanlieu | I / 28811 |
| 62. | 261 | F-ino Senez, Sanlieu | E / 21659 |
| 63. | 283 | S-ro Rousseau, Becon-les Bruyeres | E / 21652 |
| 64. | 264 | S-ro Boncemme, Levallois-Perret | E / 21603 |
| 65. | 265 | F-ino Früh, St.-Gallen | E / 21658 |
| 66. | 218 | F-ino Ehrenberg, Tallinn | I / 28805 |
| 67. | 83 | S-ino Lacroix, Gand | E / 21604 |
| 68. | 84 | S-ro Dupuis, Paris | I / 28806 |
| 69. | 284 | S-ro Bouix, Levallois-Perret | D / 15029 |
| 70. | 285 | S-ino Bouix, Levallois-Perret | E / 21656 |
| 71. | 286 | F-ino Thibault, Orléans | E / 21655 |
| 72. | 287 | F-ino Thibault, Orléans | I / 28812 |
| 73. | 288 | S-ro Ferran, Tours | E / 21653 |
| 74. | 289 | S-ino Ferran, Tours | D / 15030 |
| 75. | 290 | S-ino Goldberg, Tallinn | E / 21654 |
| 76. | 291 | S-ino Iekel, Tallinn | I / 28804 |
| 77. | 248 | F-ino O'Brien, Stoke Newington | E / 21601 |
| 78. | 249 | F-ino O'Brien, Worthing | I / 28809 |
| 79. | 263 | S-ino Lefloch, Paris | I / 28801 |
| 80. | 42 | S-ro Pauvrehomme, Toulon | I / 28808 |
| 81. | 43 | S-ino Pauvrehomme, Toulon | I / 28802 |
| 82. | 319 | S-ro Saggiori, Padova | E / 21651 |
| 83. | 320 | De Goetzen, Padova | I / 28810 |
| 84. | 204 | F-ino Hansen, København | D / 15032 |
| 85. | 192 | S-ro Heikenwälder, Prostejov | E / 21657 |
| 86. | 242 | S-ino Heikenwälderova, Prostejov | D / 15031 |
| 87. | 85 | Peterson, Tallinn | E / 21602 |
| 88. | 349 | S-ino de Szabo, Budapest | D / 15034 |
| 89. | 350 | F-ino Dresen, Tallin | E / 21607 |

La antikva Palaco de la Universitato de Romo




Bildo reproduktita laŭ malnova gravurajo

90. 329 F-ino Toth, Becon-les-Bruyères I / 28803
91. 330 F-ino Fleche, Paris D / 15028
92. 377 S-ro Girault, Paris E / 21604
93. 378 S-ino Girault, Paris I / 28806
94. 334 F-ino Saudin, Rouen D / 15029
95. 335 S-ro Flageul, Issy-les-Moulineaux E / 21656
96. 336 S-ino Flageul, Issy-les-Moulineaux I / 28812
97. 21 S-ro Malmanche, Rueil-Malmaison E / 21655
98. 358 F-ino Ombredane, Orléans E / 21653
99. 359 F-ino Boutin, Orléans D / 15030
100. 360 S-ino Jourdain, Creil E / 21654
101. 361 S-ino Petit, Rosny-s.-Bois D / 15033
102. 153 S-ro May, Chemnitz E / 21605
103. 243 S-ro Gahler, Gablonz E / 21649
104. 381 S-ino Dekesel, Leuven I / 28807
105. 401 F-ino Carter, Idle I / 28811
106. 108 F-ino Baldwin Smith, Barry E / 21659
107. 404 S-ro Bellatti, W. Wickham E / 21652
108. 405 S-ino Bellatti, W. Wickham D / 15036
109. 232 F-ino Pillar, London D / 15035
110. 409 F-ino Moxon, Leigh-on-Sea I / 28805
111. 246 F-ino Persson, Malmö E / 21650
112. 120 F-ino Minio-Pauello, Venezia I / 28804
113. — F-ino Gruber, Venezia E / 21601
114. 437 S-ro Jarl, Göteborg I / 28809
115. 427 S-ro Kubina, Jicin I / 28801
116. 459 F-ino Grizon, Orléans I / 28808
117. 460 F-ino Leconte, Ségrie E / 21658
118. 457 S-ino Jeangirard, Paris E / 21606
119. 458 F-ino Jeangirard, Paris E / 21603
120. 461 S-ro Pietro Pace, Milano E / 21660
121. — S-ino Margoni, Milano I / 28802
122. 411 S-ro Piatti, Milano E / 21660
123. 412 S-ino Piatti, Milano E / 21603
124. 413 S-ro Piatti, Milano I / 28808
125. 414 S-ro Piatti, Milano D / 15035
126. 207 F-ino Lendel, Potsdam E / 21606
127. 494 S-ino Etienne, Blois E / 21658
128. 54 S-ino Moreau, Bordeaux I / 28801
129. 55 S-ino Moreau, Bordeaux E / 21601
130. 495 S-ino Flageul, Issy-les-Moulineaux I / 28809
131. 496 F-ino Barascud, Paris I / 28804
132. 497 S-ro Barascud, Paris E / 21650
133. 201 S-ro Arinal, Rouen I / 28805
134. 241 S-ino Witz, Praha D / 15036
135. 110 F-ino Guglielminetti, Torino E / 21652
136. 250 S-ino Guglielminetti, Torino I / 28811
137. 530 S-ro Nowell, Sandwich E / 21659
138. 64 F-ino Tarantikova, Praha I / 28807
139. 537 S-ro Stoeckert, Brooklyn, N.Y. E / 21649
140. 224 S-ro Fawcett, London E / 21605
141. 225 S-ino Fawcett, London D / 15033
142. 222 S-ro Balmford, Studdersfield E / 21654
143. 223 S-ino Balmford, Studdersfield D / 15030
144. 637 F-ino Wilkinson, Huby near Leeds E / 21653
145. 638 F-ino Such, Huby near Leeds I / 28812
146. — Brita Esperanto-Asocio, London E / 21655
147. — Brita Esperanto-Asocio, London D / 15029
148. 229 S-ro Larking, London E / 21656
149. 591 F-ino Viallelle, Tours I / 28806
150. 592 S-ino Fraquet, Tours E / 21604
151. 449 S-ino Moreau-Asselin, Tours D / 15028
152. 450 S-ro Moreau, Tours I / 28803
153. 331 F-ino Helouin, Oran E / 21607
154. 448 S-ino Juquellier, Paris D / 15034
155. 488 F-ino Marteau, Tours E / 21602
156. 487 F-ino Marteau, Tours D / 15031
157. 486 F-ino Lecourt, Blere E / 21657
158. 485 F-ino Courtas, Tours' D / 15032
159. 483 S-ro Secheresse, Tours I / 28810
160. 484 S-ino Secheresse, Tours E / 21651
161. 689 S-ro Monnier, Paris E / 21651
162. 20 S-ino Ith, Hyères I / 28810
163. — Société Française Propagation Esperanto D / 15032
164. — Société Française Propagation Esperanto E / 21657
165. 602 S-ro Brankamp Scheveningen D / 15031
166. 603 S-ino Brankamp, Scheveningen E / 21602
167. 604 F-ino Brankamp, Schveningen I / 28803
168. 605 S-ro Droste, Hillegersberg D / 15034
169. 267 F-ino Renken, Groningen E / 21607
170. 443 F-ino Termaat, Delft D / 15028
171. 269 F-ino Smeele, Velsen-Noord E / 21604
172. 415 S-ro Courtinat, Lyon I / 28806
173. 416 S-ino Courtinat, Lyon E / 21656
174. 306 F-ino Hansen, Kolding D / 15029
175. 304 S-ro Spilger, Stuttgart E / 21655
176. 305 S-ino Spilger, Stuttgart I / 28812
177. 618 S-ro Hagglund, Stockholm E / 21653
178. 189 S-ro Kramer, Saarbrucken D / 15030
179. 190 F-ino Sonnenschein, Saarbrucken E / 21654
180. 191 F-ino Sonnenschein, Saarbrucken D / 15033
181. 44 S-ino Delachaux, Peseux E / 21605
182. 392 S-ro Furman, Prerov E / 21649
183. 391 S-ro Kubat, Prerov I / 28807
184. 389 S-ro Strojil, Prerov E / 21659
185. 390 S-ino Strojilova, Prereov I / 28811
186. 648 S-ino May, Saarlouis E / 21652
187. 647 S-ro May, Saarlouis D / 15036
188. 644 F-ino Wällstedt, Stockholm I / 28805
189. 663 F-ino Hultman, Stockholm E / 21650
190. 143 S-ino Peterson, Stockholm I / 28804
191. 146 F-ino Svedmark, Stockholm E / 21601
192. 631 F-ino Schalander, Stockholm I / 28809
193. 559 F-ino Lönnberg, Stockholm E / 21658
194. 580 F-ino Lindeberg, Malmö I / 28801
195. 581 F-ino Lindeberg, Malmö E / 21606
196. 29 F-ino Edwards, Biskop Auckland D / 15035
197. 397 S-ro Mason, Glenfield I / 28808
198. 233 F-ino Squire, West Hartlepoop E / 21603
199. 399 S-ino Warren, East Ham E / 21660
200. 400 S-ino Warren, East Ham I / 28802
201. 644 F-ino Went, South Bennfleet, E / 21660
202. 528 F-ino Vermaas, Rotterdam I / 28802
203. 255 S-ro Vavrosky, Praha E / 21603
204. 481 S-ro Vanhersecke, Dunkerque I / 28808
205. 482 S-ino Vankersecke, Dunkerque D / 15035
206. 451 F-ino Claude, Paris E / 21606
207. 453 F-ino Douai, Prais I / 28801

*(Daŭrigota).*

# LINGVA PRAKTIKO

**Fak-esprimoj pri Armbetono en sur- kaj subtera konstruado**

En la Nº 413 de « Esperanto » (Jan. 1935) S-ro Robert Kreuz komentaras artikolon publikigitan de S-ro arĥ. Hallensleben en « Germana Esp-o » de aŭg.-sept. 1934 pri la esp. traduko de la 8-a volumo de la seslingva teknika vortaro de Schlomann, farita de 15 inĝenieroj diverslandaj. Intertempe, kiel sekretario de la tradukintaro, mi estis submetinta la manuskripton al la Akademia sekcio de teknikaj vortaroj, por revizio, kaj mi estis komencinta konsultadon al ĉiu kunlaborinto pri la konsilitaj korektigoj.

Nun, ĉar la afero estas antaŭtempe publikigita, mi volas profiti la cirkonstancojn por pliampleksigi la prirevizian diskutadon. Tiuokaze, mi tre sincere dankas al S-ro Kreuz pro lia alvoko al ĉiuj interesatoj, por ke ili kunhelpu al pliperfektigo de nia modesta verko, kiun cetere ni mem konsideras nur kiel provon, utiligebla de la alifakaj estontaj vortaristoj por atingi kiel eble plej kompletan unuformecon en la interteknika terminaro.

Mi rajtas aldiri ke, apud neeviteblaj malperfektaĵoj, nia komuna laboro entenas multajn korektigojn de nacilingvaj esprimoj eraraj donitaj en la Schlomann'a vortaro; per tio, ĝi prezentas ja grandan utilecon.

Unue, ni ekzamenu la rimarkojn faritajn de S-ro Kreuz :

— *Armita betono aŭ ferbetono* ? La voĉdonoj de la tradukintoj dividiĝis potrione inter unua, dua kaj senprefere ambaŭ esprimoj, sed kelkaj, i.a. nia eminenta kolego S-ro Guéritte, el Londono, rimarkigis, ke oni uzas pli ofte ŝtalon ol feron por armi betonon; tial mi elektis la pli ĝeneralan terminon « armita betono » kun la tute klara malplilongigo » « armbetono »

— *Stajo, steo, almo.* Ni nomis « stajo » pecon, kiu igas nevariebla la distancon inter du aliaj pecoj, kun aldono de la taŭga prefikso « tir » aŭ « prem » laŭbezone. La vorton « almo » ni adoptis por montri interflanĝan, laŭprofile difinitan parton de peco, speciale de I forma fertrabo.

S-ro Wüster proponas « steo » por anstataŭi « stajo » kaj « almo », ĉar li opinias ke almo estas nenio alia ol kontinua steo.

Ni vidu nun la difinojn donitajn en la jam publikigitaj vortaroj :

Stajo = (tekn.) peco, kiu celas kunigi du metalajn ŝelojn por plifortigi ilin, aŭ por rezervi inter ili interspacon (V)[1] — (mar.) ŝnuro streĉita kiu plifortigas maston (F. étai) (R.)[1].

Steo = (tekn.) peco, kiu distance tenas du aliajn pecojn (W). (mar.) stango, per kiu oni streĉas ŝnuron, aŭ sur kiu oni apogas maston (R.).

Oni vidas kiom malfacile estas atingebla ĝenerala interkonsento, ĉar jam en ĉiu nacia lingvo oni uzas laŭprofesie la saman vorton por nomi tute malsamajn objektojn; ekz. : por la francaj maristoj, « étai » signifas « streĉita ŝnuro », kaj por la nemaristaj inĝenieroj, la sama vorto havas la signifon « apogtrabo », t.e. tiu de « steo » en marista terminaro.

Kompreneble, la afero plikomplikiĝas, kiam oni provas akordigi diversnaciajn tradukantojn.

Ĉar la konstruistoj nepre bezonas diferencigi la tiratajn kaj la laŭlonge prematajn pecojn, jen nova propono celanta laŭeble ĉiujn kontentigi : *steo* = peco, kiu distance *distenas* du aliajn pecojn (G. Spreize, Steife; A. shore, distance piece; F. étrésillon, I. sbadacchio, puntello; H. codal, puntal).

*Stajo* = peco (ŝnuro, bolto, stango, trabo) kiu distance *kun*tenas du aliajn pecojn (G. Steh)bolzen), Zugstange; A. tie, stay)bolt.); F. tirant, entretoise, barre d'écartement; I. tirante H. tirante).

*Almo* = (vidu la difinon pli supre) (G. Steg; A. web; F. âme; I. anima; H. alma) — Ni rimarku, ke plej ofte I-forma relo estas lokita en konstruaĵo, tiamaniere, ke ĝia « almo » estas parte tirata, parte premata; pro tio, nek « steo », nek « stajo » taŭgas.

En proksima artikolo, mi pritraktos la ceterajn esprimojn cititajn de S-ro Kreuz.

Ĉiu helponto jam kunlaborinto aŭ ne) bonvolu sendi siajn kritikojn al la subskribinto, kiu ilin akceptos danke.

Tuj post la fino de la revizia laboro, ĉiu partopreninto ricevos rekompence unu ekzempleron de la korektita manuskripto. (Daŭrigota).

Ch. TIARD,
209, Faubg. St-Denis, Paris-Xᵉ.

[1] (R) = Rollet de l'Isle, (V) = Vérax, (W) = Wüster.

---

# Bibliografia Servo de UEA

HANS BAKKER kaj HAN BOLTE : Waarom zou ik Esperanto leeren. Eldonis Esperanto Instituto, 57 Rokin Amsterdam-Centrum. 24 paĝoj. Formato 16 × 22.5 (1935-32).

A. ČERNIŔ : Rekordo. Eldonis « Ekrelo » 35 Löbauerstr. Leipzig 24. 24 paĝoj. Formato 15 × 21. Prezo 55 Pfg. (1935-33).

JULIE ŠUPICHOVÁ : Esperantsky Dopisovatel. (Esperanto-korespondado). Eldonis Nakladatel Josef Svoboda, Ul., 1. Listopadu 796, Praha-Pankrac. 140 paĝoj. Formato 13,5 × 18,5 cm. (1935-34).

VICENTE BLASCO IBANEZ : Sango kaj Sablo. Eldonis Aragona. Esperanto-Federacio. Trad. Ramon de Salas Bonal. 231 paĝoj. Formato 22 × 16,5 cm. (1935-35).

*** Nøkkel til Esperanto. (Norvega ŝlosilo). Eldonis Norvega E. Ligo, Oslo. 31 paĝoj. Formato 8 × 11 cm. Prezo sv. frk. 0.15. (1935-37).

*** Sleutel vir Esperanto. (Sudafrika ŝlosilo). Eldonis Centra Librejo, den Haag. 40 paĝoj. Formato 8 × 11 cm. Prezo Sv. frk. 0.10. (1935-36).

# Tra la libraro

(Daŭrigo)

Ĉe la limo, aŭ trans la limo de l'scienco estas la serĉado al ecoj de individuoj per ilia genealogia tabelo. Tion provas O. Forst de Battaglia en : *La mistero de l'sango.* La titolo kaj la antaŭparolo multon promesas; la enhavo iom elreviĝas. Sufiĉe kompletajn praulajn tabelojn, oni kompreneble povas kompili nur pri reĝoj, princoj, altnobeloj; eĉ pri ili baldaŭ multo mankas. Ĉu la fakto, ke inter la multaj praŭloj de iu troviĝas tiu ĉi aŭ tiu famulo, kies atomon da sango li povis heredi tra longaj sangmiksoj, ĉu tio vere estas iel influiga ? Ŝajnas tiu scienco tre hazarda, iom simila al mandivenado aŭ grafologio, tio estas kapabla trovi jam rekonitajn faktojn, sed ne atingi novajn leĝojn. El la konkludoj de la aŭtoro ni ekscias, ke endogamio, t.e. inter-

parenca edziĝo, ne estas malutila ĉe normalaj kondiĉoj, ke gvidantaj individuoj ĝenerale devenis de germanaj nacioj antaŭ la Franca revolucio, sed ke tiu supereco poste perdiĝis, ke ne ekzistas sanga rasa nacia pureco. Interesaj portretoj kaj tabeloj estas aldonaĵoj al tiu novtema, sed ne konvinka traktaĵo.

---

La libro, preskaŭ albumo, de S. Grenkamp-Kornfeld kaj Dro Jan Brzekonski : *Pri l'moderna arto*, enhavas du partojn. Unue, tre interesa studo pri la moderna pentrarto, kiu koncize difinas la diversajn skolojn, kiuj vice nomis sin : kubismo, futurismo, esprimismo, konstruismo, purismo, novplastikismo, dadaismo, surrealismo ; ĝi diras la tendencojn de tiuj serĉadoj, kiuj, eĉ baldaŭ forlasitaj, tamen lasis ian instruon, ian influon. Due, 64 paĝoj da fotografaj bildoj, kiuj formas riĉan kaj valoran dokumentaron, kvankam la praktike neforigebla manko de l'koloroj certe estigas gravan malhelpon por valortaksi la originalajn pentraĵojn. Ŝajnas cetere, ke nun tiu disa, iom senbaza novemo al intencita deformado, al persurfaca konstruado, al priliteratura esprimo iom kvietiĝis, ke la fosaĵo vole kreita inter la artistoj kaj la publiko iom post iom ŝtopiĝas, ke la libro temas pri kvazaŭaj malsanoj jam ekkuracataj, ke la nuntempaj pentristoj revenas al pli kompreneblaj verkoj ; feliĉe, ĉar nespertulo, rigardante multajn el la bildoj al si mem demandas : ĉu mi mem, ĉu la artisto, estas frenezulo ?

Skulptisto, S-ro E. Jekel, prilaboris portreton de Zamenhof per *Lignogravuraĵo* grandformata ; tiu nur blanknigra bildo, simpla, kun siaj larĝaj strekoj kaj surfacoj havas artan efikon ; ĝi estas viva, tre simila kaj tuj rekonebla por tiuj, kiuj vidis la majstron aŭ liajn bonajn fotografaĵojn. La permana kopio sur japana maldika silkpapero estas do belaspekta. Nur la komforma ombro sur nazpario ŝajnas tro akcentita kaj estus profite anstataŭata per nura linio.

---

Ĉu vi imagis ke oni povas verki tutan libron, 200 paĝan pri *Bonhumoro* ? Tion faris franclingve Paul Nyssens kaj li mem tradukis sian libron esperante. Imitinda ekzemplo por estontaj verkistoj. La feliĉo, la bonhumoro, iliaj kondiĉoj, ilia akiro, jen la temo ; tiom da konsideroj ĝin akompanas, ke estiĝis resumo pri la tuta homa konduto, moralo, higieno korpa kaj spirita. En la Biblio estas dek ordonoj ; ĉi libron oni povas nomi : La mil kaj unu ordonoj. Faru tion, ne faru tion ĉi, agu tiel, pensu pri tio ; la aŭtoro multe uzas imperativon, ĉiam tre serioze ĉar malgraŭ la titolo, nenio ridetigas la leganton. Ĝi estas laŭ la sistemo de Coué : persiste ripetante al si mem certan sugestion, oni fine akiras la deziratan virton. La traduko, lerta kaj flua, tamen prezentas peketojn : francismojn, nekutiman uzon de « kies », konfuzojn inter « ilia » kaj « sia », kaj precipe ĉiaman uzon de « ĝi » por homo en ĝenerala senco. Tiu lasta faro kondukas al dusencaĵoj kaj kontraŭas pravan rekomendon Zamenhofan en Lingvaj respondoj (Kial « avantaĝo » kaj « advantaĝo », kio estas « Sankta Skripturo », kaj « humordifektŝanĝoj » ?) La aŭtoro preskaŭ promesas al ni la paradizon : « Post kiam vi estos traleginta tiun ĉi libron, kaj kelke da tempo estos forpasinta, io grava estos ellaboriĝinta en via subkonscio. Vi rimarktrafos vin eldiranta bonvolajn parolojn, plenumiĝanta meritajn farojn, kiuj iam antaŭe ne estis al vi kutimaj. Via profesia laboro aperos al vi pli interesa. Via hejmo ŝajnos al vi pli alloga. Vi ekvidos mienojn pli ĝojajn ĉirkaŭ vi. Via vivo fluos pli dolĉa, pli plenokupata. Via spegulo montros al vi fizionomion pli gajan, pli serenan, pli junan. Rido eksonos pli libera, pli ofta en via ĉirkaŭaĵo. Kaj de tiam via vivo transformiĝos ĝis la fundo de l'fundoj ». Povu li, por multaj, esti ĝuste profetinta.

*(Daŭrigota).*

# „LA RUĜA KOKO"

**Germana popolo ekspozicio pri ŝirmo kontraŭ fajro kaj pri savo-servo, Dresden, Junio-Septembro 1935**

« *La ruĝa koko* » estas malnova germana simbolo por brulegoj, kiuj en pli fruaj epokoj okazis ofte kaj detruis kelkfoje ĉiujn konstruaĵojn de vilaĝo aŭ eĉ de urbo. Tiun simbolon oni elektis kiel nomon de grandstila ekspozicio en Dresdeno, la tradicia ekspozicia urbo en bela Saksujo. Tiu ĉi ekspozicio montris en facilkomprenebla maniero kaj per



Novaj turneblaj motor-ŝtupetaroj de la profesia fajrobrigado de Dresdeno. Ili funkcios okaze de la interesaj manovroj en la ekspozicio "La Ruĝa Koko" en Dresdeno, de Junio ĝis Septembro 1935.

---

ĉiuj rimedoj de moderna ekspozicio montros en facilkomprenebla maniero kaj per ĉiuj rimedoj de moderna ekspozicia tekniko ĉion, kio rilatas al *ŝirmo kontraŭ fajro* kaj al *savoservo kontraŭ ĉiaspecaj danĝeroj kaj domaĝoj*, kiuj minacas la homojn.

Nova kaj impresiga, kiel tiu nomo, estos ankaŭ la formo de tiu popola elmontro. Nova ekspozicia ideo atingos ĉi tie

efektiviĝon kaj perfektecon. Jam en la ekspozicia antaŭhalo klarpercepteble montriĝas la *ideo de popolkomuneco* per impresiga bildo pri la terura fajrokatastrofo, kiu en 1933 detruis la florantan germanan vilaĝon Oeschelbronn (Bavarujo). Kiel la pereo de popola posedaĵo povas kaj devas esti evitata per devokonscio de la individuo, per moderna ekipo teknika kaj per superaj fakistaj konoj, tion montros en multaj vastspacaj haloj kaj en la ekspozicia parko (parto de la fama « Grosser Garten » de Dresdeno) la ekspozicio en absoluta kompleteco. Komenciĝante kun la antaŭzorgado kontraŭ fajro, la esplorado pri konstrumaterialoj fajro-haltigataj kaj fajrorezistaj la zorgado pri *sufiĉa esting-akvo,* la signal- kaj informservado, ĝis la aktiva batalo kontraŭ la fajro kaj ĝis la ĉiaj aliaj sav-aranĝoj *ĉio* estos reprezentata, kio iel apartenas al la ekspozicia ideo de « *La Ruĝa Koko* ». La teknika katastrof-helpo, la mineja savo-servo, la *ŝirmo* kaj la aranĝoj kontraŭ atakoj el la aero en ĉiuj fakoj kaj eblecoj estos same interese kaj detale demonstrataj kiel la aperaĵoj de la ekspozicia temo en historio kaj arto, la kontraŭfajra kaj akcidenta servo en aliaj ŝtatoj kaj la popolekonomiaj kaj kriminalaj flankoj de fajrodomaĝoj kaj la kontraŭbatalo al ili.

Tiu ĉi ekspozicio do estos trezorejo de sciindaĵoj por la praktika vivo kaj meritos ĉies viziton. La Dresdenaj Esperantistoj estos volonte ja la dispono de Esperantistaj gastoj — kiuj venu amase kaj anoncu sian alvenon al la Loka Grupo de GEA, Dresden N 6, Oppellstr. 50, tel. 54022, aŭ al la D de UEA, Otto Wehlitz, Dresden A 24, Schnorrstr. 27, tel. 45639.

### Radio-Roma

Kiel jam anoncite, la stacio Radio-Roma (kun ĉiuj relajsoj) dissendas en itala lingvo kaj en Esperanto ĉiun lundon kaj ĉiun vendredon de la 18,30 ĝis 18,50 h. (MET). Aŭskultantoj kaj propagandistoj helpu certigi la daŭran dissendon per gratul-leteroj kaj kartoj. Regula alveno de skribaĵoj pruvos la intereson de la esperantistoj. Simpla adreso : Radio-Roma, Roma (Italujo).

La impresan bildon sur la titolpaĝo ni dankas al la afableco de la Turisma Oficejo de l' Malta registaro. — Seriozaj interesitoj pri Malto sin turnu en Esperanto al :
*Government Tourist Bureau, 2, Lascari Wharf, Valetta* (Insulo Malto).



## 32a Nacia Kongreso

de la

**Societo Franca por Propagando de Esperanto**

**Arras, 8, 9 & 10 Junio 1935**

**NORDFEDERACIA KONGRESO**

PROGRAMO

*Sabato 8 junio* 1935

14 h. Akcepto de la kongresanoj.
14,30 h. Vizitado de la urbo (Ekzamenoj por Francoj).
19 h. Akcepto en Komerca Ĉambro.
20,30 h. Publika, gaja, interkonatiĝa, vespero, diversaĵoj, teatraĵo.

*Dimanĉo* 9 *junio*

8 h. Diservo, Predikado en Esperanto (eksterprograme).
9,30 h. Nacia Kongreso.
12 h. Akcepto en la urbdomo.
12,30 h. Opa tagmanĝo (*prezo* : 15 *fr. frk.*).
14 h. Kongreso.
19 h. Oficiala Festeno (*prezo:* 25 *fr. frk.*). Noktofesto. Dancado, Restado en mirinda parko.

*Lundo* 10 *junio*

9 h. Ekskursoj per aŭtoĉaroj.
*Ekskurso A.* — Batalkampoj, memoraj monumentoj anglaj, ĉeĥaj, polaj, germanaj, kanadaj, ktp. )*prezo:* 15 *fr. frk.* + tagmanĝo en Arras : 15 *fr. frk.*) aŭ
*Ekskurso B.* — Al *Amiens,* vizito al Thiepval, Albert (*prezo:* 20 *fr. frk.* + tagmanĝo en Amiens : 20 *fr. frk.*).

## HUMORO DE L'MONDO

**(El la rakonta provizo de l'redaktoro)**

### Pripensiga

S-ino : Mia edzo jam ne plu vivas de pli ol 20 jaroj. Li mortis tute subite, 8 tagojn post la edziĝo.
Fraŭlo : Li do ne longtempe suferis ? !

### Brava demando

La mastrino (al la nova ĝardenisto) : Do, vi arosos la bedojn, glatrulos la vojojn, vi semos en la herbejoj kaj senigos ilin de herbaĉo, la krizantemojn vi transplantos en kuvojn, vi flegos ĉiujn-ĉi rozujojn, vi purigos la hejtinstalojn kaj...
Ĝardenisto : (interrompante la parol-torenton) : Pardonu S-ino, ĉu tio estas la laboro de unu tago aŭ ĉu temas pri kvinjarplano ?

### Realisto

Svatisto (fervore) : Brilega okazo de edziĝo, Sinjoro. La juna fraŭlino estas vere beleta kaj la patro posedas grandan fabrikon.
Fraŭlo : Ĉu vi povas montri al mi la bildon ?
Svatisto : Ĉu de la fraŭlino ?
Fraŭlo : Ne, de la fabriko.

**Homoj sen maskoj !**

*Kiel oni povas sciiĝi pri la karakteraj ecoj de iu homo ?*

**Respondo en la proksima numero**

## INTERNACIA KORESPONDADO

Tri vortoj kostas sv. Frk. 0.30 ( = 1 respondukponoj). La nombra de vortoj ne estas limigita. Ĉiu el la mallongigoj, mulsupre indikitaj, valoras unu vorton.

*Gjovik* (Norvegujo). Nova klubo serĉas gekorespondantojn. Skribu multnombre. Cr. Adr. Ed. Carlid.

U.S.S.R., Ĥarkovo, 53, kulturnaja ul. N 2, inĝ-elektr. Girenko N.D. kor k.ĉ.l. ĉiuj landoj pri diversaj temoj. L., P.I., gazetar-materialoj.

*Amsterdam-Nederlando.* 19 jara fraŭlino dez. kor. kĉl. p.ĉ.t : Andraea Lantinga. 27, Bertelmanstrato.

*Zelliñi* (Latvujo). S-ro A. Asars, «Lielpaldi», L., P.I. escepte PM., C.r.

*Châlons s/Marne* (Francujo). S-ro Vendel, Urbdoma bibliotekisto intŝ. naciajn kostumbildojn kun ĉiuj landoj.

*Hamburg* (Germanujo). S-ro Reinhold Krauskopf, Kirchenweg 21, PI., fotajoj, k.ĉ.l. C.r.

*Agen* (Lot et G., Francujo). S-ro Jean Gaume, intŝ. PM. C.r.

*Brooklyn.* — S-ro M. Jagoda, ĝis nun Delegito en La Ceiba, Honduraso loĝas nun : 242, Penn. Street.

*Oslo.* — Sro. Arne Arnessen, la merit-plena ĝenerala sekretario de Norvega Esperantista Ligo, eksiĝis el sia posteno. La nuna prezidanto de la Ligo estas Sro. Einar Stjernesund. La konstanta adreso de NEL estas : Poŝtkesto 942, Oslo.

IMPRIMERIE GRANCHAMP, ANNEMASSE - 436-5-35.